n-ro 26
1996-4
decembro 1996

# Esperanto en Azio



Bulteno de UEA pri la Azia Esperanto-Movado

**eldonas:** Komisiono pri Azia Esperanto-Movado, prezidanto: TAKEUTI Yosikazu / ĉe Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, Tokyo, 162 Japanio / Telefono: +81-3-3203-4581, Telefakso: +81-3-3203-4582

**redaktas** DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / Telefono kaj telefakso: +81-45-785-5458

***enhavo***

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D* (koncize)

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK kaj Azia Kongreso*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

rimarko: En la Unua Azia Kongreso oni decidis forstreki la projekton Ĉ-2.

*Komisionanoj de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado) konsistas el jenaj 6 personoj el 3 landoj. Ili estis elektitaj en la 80-a UK en Tampereo por 3-jara periodo, de julio 1995 ĝis julio 1998. Sed pro retiriĝo de Ma Yong tae CHOI Yun-huy anstataŭas la taskon.*

Prezidanto: TAKEUTI Yosikazu/ Noborimati 5-A35-402, Takatuki-si, 569 Japanio. tel. kaj fakso: +81-726-71-3773

Sekretario: Puramo CHONG/ Kwangmyong-2 dong 50-5, Kwangmyong-shi, Kyonggi-do 423-012, Koreio. tel.: +82-2-682-3456. fakso: +82-2-616-1571

CHOI Yun-huy/ Yeogchon-dong 32-37, Eunpyeong-gu, SEOUL 122-071, Koreio. tel.: +82-2-355-8016, aŭ 387-0411

SYÔZI Keiko/ Nisinippori 3-7-15, Arakawa-ku, TOKIO, 116 Japanio. tel.:+81-3-3827-7049. fakso: +81-3-3824-1040

ZOU Guoxiang/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

WANG Jianbing/ ĉe Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 825, CN-100037, Beijing, Ĉinio. tel.: +86-10-6832-6682. fakso: +86-10-6832-1808

# 1. Leteroj de legantoj

## 1.1 Kfar Saba, Israelo 1996-04-27

Koran dankon pro la gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio kaj revuo "Esperanto en Azio".

Mi naskiĝis en Bjalistoko en 1908 kaj tie ankaŭ lernis Esperanton en 1928. En 1929 mi venis ĉi tien, gvidis kelkfoje kurson, dum ĉ. 10 jaroj estis komitatano en UEA kaj dum ĉ. 5 jaroj sekretario de Esperanto-Ligo en Israelo. Mi partoprenis en 22 UKoj. Mi korespondadis multe, sed persone mi konis nur eŭropajn samideanojn. La unua azia esprantisto, kiun mi ekkonis persone, estis Joŝimi UMEDA dum la 48a UK en Sofio en 1963. Poste gastiĝis unu tagon ĉe mi Eizo ITOO. Ankaŭ vizitis min Tamiko KAŬAKAMI-NIELSEN.

Dum la 60-aj jaroj la movado en nia lando floris, okazis multaj kursoj. Sed nuntempe malpli. Ĉu kulpas la televido, kiu forrabas la tutan liberan tempon de la homoj, aŭ manko de propagando.

*Jeraĥmiel Giladi/ 94 ĈerniHovski-str., 44409 KFAR-SAVA, Israelo*
*tel.: +972-9-42 46 12*

## 1.2 Zhengzhou, Ĉinio 1996-05-04

Koran dankon pro la bulteno de "Esperanto en Azio", kiun vi regule sendis al mi. Mi tre ĝojas, ke nia bulteno ne ĉesas eldoniĝi kaj povas eldoniĝi nome de Komisiono pri Azia Esperanto-Movado. Mi bone ricevis la bultenon, n-roj 20-23, kiuj estas eldonitaj nome de KAEM. Sendube ĝia eldono utilas al nia azia movado kaj akcelados la evoluon de la movado al la 21a jarcento. Ĉi tie mi dankas vin, niajn estimatajn redaktorojn.

Kompreneble, mi volas daŭre ricevi nian bultenon. Antaŭdankon!

*nova adreso: Qinlaojie 04-1-19, CN-450052 Zhengzhou, Ĉinio*

## 1.3 Dhaka, Bangladeŝo 1996-05-05

Dankon pro via letero en Esperanto. Mi komprenas ĉion kaj esperas vidi vin ĉiujn en kunveno.

Mi lernas Esperanton. Mi estos feliĉa, se esperantisto povus viziti Bangladeŝon estonte. Mi bonvenigos vin. Mi volas lerni Esperanton. Mi povas havigi al mi nenian libron por lerni Esperanton. (Bedaŭrinde la letero estas skribita en la angla.)

*Isaac Baroi/ Media and Communication Center, Bangladesh, 88-1, Senpara Parbatta, P.O. Box 8027, Mirppur 10, Dhaka 1216 Bangladeŝo*

*tel.: +880-2-801039, +880-2-801532. fakso: +880-2-803556*

## *1.4 Chengdu, Ĉinio 1996-06-07*

Se ajna amiko vizitos nian urbon Chengdu, mi volas ludi kun tiu per nova ĉina ŝako per Esperanto kaj ĉina fonetika alfabeto. Se vi interesiĝas, skribu al mi.

*Dian E Wen/ Chengdu Dianqichang SC CN-610083 Ĉinio*

## *1.5 Safat, Kuvajtio 1996-07-21*

Multajn dankojn pro via favoreco kaj viaj valoraj agadoj en kompilado de ĉi tiu gvidlibro. Mi pardonpetas pro mia malfrueco. Mi estas membro de IREJO (Irana Esperantista Junulara Organizo). Mi propagandas Esperanton per Esperanto-markoj sur mia aŭtomobilo kaj en la oficejo. Mi instruas Esperanton al miaj amikoj per lernolibro. Mankas propagandaĵoj ĉi tie. Ĉu vi povas sendi al mi Esperantaĵojn?

Via irana samideanino

*Farshide/ Shuwaikh comm. Dept., P. O. Box 126 Safat, 13002 Kuwait*

## *1.6 Wuhan, Ĉinio 1996-09-04*

La bulteno "Esperanto en Azio" estas bona, interesa kaj leginda. Mi esperas ke mi povos regule ricevi ĝin. Estas tre grave ke en la bulteno la adresoj de esperantistoj kaj de Esperanto-organizoj devas esti ĝustaj. Kiel en la libro "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio" ankaŭ en la bulteno "Esperanto en Azio" troviĝas iuj adresoj tute ne ĝustaj aŭ ne ekzistaj de homoj kaj de Esperanto-organizoj. Simple ekzemple la Esperanto-Asocio de Wuhan ĝis nun ne ekzistas, do la adreso tute ne validas.

Antaŭ 14 jaroj mi hazarde eklernis Esperanton, kaj ekde la jaro 1987 mi ekestas individua membro de UEA. Persone mi partoprenis en la UK de la 73a kaj 79a kaj en la 5a pacifika Kongreso. En la jaro 1988 mi volonte laboris 4 tagojn en la centra oficejo de UEA, kaj en la jaro 1990 mi vojaĝis pertrajne Pollandon kaj vizitis la hejmlokon de nia lingvomajstro L. L. Zamenhof. Forte mi amas Esperanton kiel mian vivon, kvankam nun mi estas nur purigisto en fabriko. En Pasporta Servo '95 kaj 96/97 aperas mia adreso kun telefona numero. Volonte mi regalas ĉiun Esperanto-vizitanton.

*MO Zhi-xiong/ Mei-gui-yuan-xi-cun 73 Hao 4-3#, Han-yang-Qu, WUHAN, CN-430051, Ĉinio. tel. +86-27-4870690*

* **Red.: Ĉu vere ne ekzistas Wuhan-a Esperanto-Asocio? Pri tio ankaŭ aliaj sendu informojn.**

## 1.7 Shanghai, Ĉinio 1996-09-13

Dum la Unua Azia Kongreso, en kunsido pri "La Azia Esperanto-Movado kaj la 21a Jarcento", la prezidanto de la kunsido invitis kontribuojn pri la ĝenerala tutmonda situacio kaj estonteco de la movado. Pri tiu temo mi havas ideojn kaj penis esprimi ilin sed, pro manko de tempo kaj preparo (mi ne antaŭvidis tian diskuton), mi ne klare esprimis mian opinion.

Ĉar KAEM kelkfoje priskribis sin kiel demokratia kaj bonvenigis ideojn el la esperantistaro, mi sufiĉe kuraĝiĝas por sendi al vi malgrandan eseon pri miaj ideoj: (vidu p.10) Ankaŭ, permesu min diri ke mi kaj mia edzino tre ĝuis la azian kongreson kaj atendas similan ĝuon en Vjetnamio '99.

*John MacLeod (Ĝon Maklaŭd)/ Shanghai Holmes Chang Le College, 100 Rui Jin Yi Road, Shanghai 200020, Ĉinio*

## 1.8 Jilin, Ĉinio 1996-10-08

Kun granda intereso mi tralegis "Gvidlibro pri Esperanto-Movado en Azio", kiun vi donacis al mi en la Unua Azia Kongreso. Mi dankas vin, ke vi donis relative multajn vortojn pri la movado en mia hejmloko. Mi estas unu el estraranoj de Jilin Esperanto-Asocio ekde 1983 kaj nun ĝia vicprezidanto. Leginte la libron mi forte sentis gravecon pri preciza informiĝado kaj aktiva kunlaboro inter asocioj landaj kaj regionaj. Mi intencas tion fari kaj esperas ricevi vian helpon. Mi sendas al vi mian skribaĵon, kiun mi preparis por la Azia Kongreso (vidu p.8). Kvankam bedaŭrinde mi ne uzis ĝin dum la kongreso, mi praktikis laŭ ĝia ideo tuj post mia hejmenreveno. Kaj la plej nova frukto estas ke la Xinhua Esperanto-Lernejo fondiĝis kiu estas la unua historie en la provinco Jilin, oficiale sankciita de la municipa eduka buroo. Nun ni preparas nin en diversaj aferoj por la unua kurso. Ni laboras por trovi taŭgajn metodojn, kiuj pli efike kaj rapide disvolvigas nian movadon, kiam la lando, kie ĉiuj aferoj nune vigle progresas kaj ŝanĝiĝas, estigas ĉiuminute ĉiajn ŝancojn.

*Zhang Jiping/ Jian She Jie 79, Diyuan Gezilou 213, Shijieyu Xuexiao, Changchun CN-130021, Jilin Ĉinio*

## 1.9 Nanchang, Ĉinio 1996-10-23

En 1996 mi ricevis ĉiujn gazetojn de UEA kaj "EeA". Ĉi-jare nia asocio okazigis kurson por komencantoj; ĉiudimanĉe ni havas kunsidon, en kiu partoprenas ĉirkaŭ 30 homoj. Nia nivelo estas malalta, kaj ni petas vian helpon.

*Wang Wenping/ Nanchang Mining EQPT RSCH INST. Nanchang, Jiangxi, CN-*

### *1.10 Nan-Chay, Ĉinio 1996-11-22*

Dankon por via helpo, mi jam membriĝis en UEA. Mi estas prezidanto de Nan-Chay-a Junulara Esperanto-Asocio. Mi okazigas Esperanto-kurson. Mi instruas Esperanton al ili, pri kaj kursanoj bondeziras al vi. (nova jaro)

Feliĉan Novjaron!

*Cao Xionglin*

### *1.11 Pakistano 1996-12-16*

Estimataj amikoj,

Saluton el Pakstano!

Mi bonorde ricevis "Esperanto en Azio" (n-ro 25). Koran dankon. Fakte, mi atendas ĝin malpacience. Per ĝi mi scias la situacion de Esperanto-movado en Azio. Mi kore aplaŭdas viajn agadojn.

*Saeed Ahmad Farani*

## *2. Manifesto de Prago*

**Jena teksto estas agnoskita en la Praga UK, kaj nun UEA kampanjas kolekti subskribojn de aprobantoj pri la Manifesto. Subskribu sur la karto, kiun ni metas kune en la koverton, kaj sendu ĝin al UEA.**

**Manifesto de Prago**

Ni, anoj de la tutmonda movado por la progresigo de Esperanto,

direktas ĉi tiun manifeston al ĉiuj registaroj, internaciaj organizoj, kaj homoj de bona volo,

deklaras nian intencon firmvole plulabori por la celoj ĉi tie esprimitaj,

kaj invitas ĉiun unuopan organizaĵon kaj homon aliĝi al nia strebado.

Lanĉita en 1887 kiel projekto de helplingvo por internacia komunikado, kaj rapide evoluinta en vivoplenan, nuancoriĉan lingvon, Esperanto jam de pli ol jarcento funkcias por kunligi homojn trans lingvaj kaj kulturaj baroj.

**1. Demokratio.** Komunika sistemo, kiu tutvive privilegias iujn homojn, sed postulas

de aliaj ke ili investu jarojn da penoj por atingi malpli altan gradon de kapablo, estas fundamente maldemokratia. Kvankam, kiel ĉiu lingvo, Esperanto ne estas perfekta, ĝi ege superas ĉiun rivalon en la sfero de egaleca tutmonda komunikado.

Ni asertas ke lingva malegaleco sekvigas komunikan malegalecon je ĉiuj niveloj, inkluzive de la internacia nivelo. Ni estas movado por demokratia komunikado.

**2. Transnacia edukado.** Ĉiu etna lingvo estas ligita al difinita kulturo kaj naci(ar)o. Ekzemple la lernejano kiu studas la anglan lernas pri la kulturo, geografio kaj politiko de la anglalingvaj landoj, precipe Usono kaj Britio. La lernejano kiu studas Esperanton lernas pri mondo sen limoj, en kiu ĉiu lando prezentiĝas kiel hejmo.

Ni asertas ke la edukado per iu ajn etna lingvo estas ligita al difinita perspektivo pri la mondo. Ni estas movado por transnacia edukado.

**3. Pedagogia efikeco.** Nur malgranda procentaĵo el tiuj, kiuj studas fremdan lingvon, ekmastras ĝin. Plena posedo de Esperanto eblas eĉ per memstudado. Diversaj studoj raportis propedeŭtikajn efikojn al la lernado de aliaj lingvoj. Oni ankaŭ rekomendas Esperanton kiel kernan eron en kursoj por la lingva konsciigo de lernantoj.

Ni asertas ke la malfacileco de la etnaj lingvoj ĉiam prezentos obstaklon por multaj lernantoj, kiuj tamen profitus el la scio de dua lingvo. Ni estas movado por efika lingvoinstruado.

**4. Plurlingveco.** La Esperanto-komunumo estas unu el malmultaj mondskalaj lingvokomunumoj kies parolantoj estas senescepte du- au plurlingvaj. Ĉiu komunumano akceptis la taskon lerni almenaŭ unu fremdan lingvon ĝis parola grado. Multokaze tio kondukas al la scio de kaj amo al pluraj lingvoj kaj ĝenerale al pli vasta persona horizonto.

Ni asertas ke la anoj de ĉiuj lingvoj, grandaj kaj malgrandaj, devus disponi pri reala ŝanco por alproprigi duan lingvon ĝis alta komunika nivelo. Ni estas movado por la provizo de tiu ŝanco.

**5. Lingvaj rajtoj.** La malegala disdivido de potenco inter la lingvoj estas recepto por konstanta lingva malsekureco, aŭ rekta lingva subpremado, ĉe granda parto de la monda loĝantaro. En la Esperanto-komunumo, la anoj de lingvoj grandaj kaj malgrandaj, oficialaj kaj neoficialaj, kunvenas sur neŭtrala tereno, dank' al la reciproka volo kompromisi. Tia ekvilibro inter lingvaj rajtoj kaj respondecoj liveras precedencon por evoluigi kaj pritaksi aliajn solvojn al la lingva malegaleco kaj lingvaj konfliktoj.

Ni asertas ke la vastaj potencodiferencoj inter la lingvoj subfosas la garantiojn, esprimitajn en tiom da internaciaj dokumentoj, de egaleca traktado sendistinge pri la lingvo. Ni estas movado por lingvaj rajtoj.

**6. Lingva diverseco.** La naciaj registaroj emas konsideri la grandan diversecon de lingvoj en la mondo kiel baron al komunikado kaj evoluigo. Por la Esperanto-komunumo, tamen, la lingva diverseco estas konstanta kaj nemalhavebla fonto de riĉeco. Sekve, ĉiu lingvo, kiel ĉiu vivaĵospecio, estas valora jam pro si mem kaj inda je protektado kaj

subtenado.

Ni asertas ke la politiko de komunikado kaj evoluigo, se ĝi ne estas bazita sur respekto al kaj subteno de ĉiuj lingvoj, kondamnas al formorto la plimulton de la lingvoj de la mondo. Ni estas movado por lingva diverseco.

**7. Homa emancipiĝo.** Ĉiu lingvo liberigas kaj malliberigas siajn anojn, donante al ili la povon komuniki inter si, barante la komunikadon kun aliaj. Planita kiel universala komunikilo, Esperanto estas unu el la grandaj funkciantaj projektoj de la homa emancipiĝo — projekto por ebligi al ĉiu homo partopreni kiel individuo en la homara komunumo, kun firmaj radikoj ĉe sia loka kultura kaj lingva identeco, sed ne limigita de ili.

Ni asertas ke la ekskluziva uzado de naciaj lingvoj neeviteble starigas barojn al la liberecoj de sinesprimado, komunikado kaj asociiĝo. Ni estas movado por la homa emancipiĝo.

# 3. Opinioj pri Azia movado

***(red. Ĉar ni ricevis longajn artikolojn pri la movado, ni ne povas aperigi ĉi tie laŭtekste. Bv. permesi nin mallongigi viajn skribaĵojn.)***

## 3.1 "Nova penado por plibonigi nian movadon"

*Zhang Jiping, Ĉinio*

### *3.1.1*

Por ke Esperanto estu pli multe uzata, ni devas ŝanĝi nian penson. Ni propagandadis la internan ideon de Esperanto pli energie ol utilecon kaj praktikecon de la lingvo. Ni ne volonte pripensis kiel feliĉigi la ordinarajn homojn per Esperanto. Tiel ni izoligas Esperanton for de ĝiaj eblaj amikoj, kaj direktis nian movadon for de la vigla kaj vivanta realo. Gravas, ke homoj kiel eble plej multaj utiligos la lingvon en praktika celo. Tio ja estis la propra esenco de la esperantismo difinita de Zamenhof mem. Oni povus kritiki nin, ke ni devojiĝos de nia bona tradicio, sed ni rimarkigas, ke uzado de la lingvo Esperanto kaj la interna ideo estas du malsamaj aferoj, kvankam intime rilataj. Neŭtraleco kaj justeco elfaras la kernon de la interna ideo. La ideo por ĉiam restas memstara kiel scienca vero, bone resumita de Zamenhof, kaj nun unike praktikata per Esperanto.

### *3.1.2 Nova projekto, nova impulso al nia movado*

KAEM nun praktikas siajn projektojn por azia movado A, B, C, Ĉ kaj D. Por al tio kongrui kaj por senĉese impulsi Esperanto-movadon, oni devas havigi al sia lando aŭ regiono ankaŭ difinitajn projektojn. Gravas unue lernado de amikoj, fremdaj kampoj kaj

aliaj, due informiĝado kaj esplorado por ekscii aferojn ĉirkaŭ ni por pli bona efiko, trie elfarado al projektoj unu post la alia, kaj laste gravas praktikado en la projektoj. Sube ni prezentas kelkajn informojn el kiuj eble naskiĝos projektoj praktikeblaj en ĉina kondiĉo:

*1* Ŝtatoficistoj lernu Esperanton por trapasi promociigan ekzamenon. Jam en 1982 la ŝtateduka ministerio sankciis ke Esperanto estu unu el la elekteblaj lingvoj, per kiuj la studentoj kaj oficistoj ekzameniĝas. Ĝis nun 7-8 provincaj registaroj komencis oficiale funkciigi tion sialoke.

*2* En 1995 pli ol 2 milionoj da ĉinoj ricevis vizojn por iri eksterlanden, sed plejmulto el ili ne bone scipovis iun ajn fremdan lingvon.

*3* En Ĉinio jam troviĝas granda nombro da individuaj komercistoj, kaj parto el ili tedas daŭrigi sian aferon enlande pro ekonomia kialo. Ankaŭ al ili Esperanto estas alloga, por havi amikojn en eksterlando.

*4* Por ĉinaj intelektuloj Esperanto montriĝas pli utila ol iam ajn antaŭe. Pere de Esperanto ilia afero povas disvolviĝi internacie.

*5* Ankaŭ al artistoj kaj metiistoj kun tradiciaj artoj kaj kulturo, Esperanto favoras, ĉar por ili malfacilas havi konon de iu ajn fremda lingvo. Nur nia lingvo povas bone helpi ilin sin prezenti al eksterlando.

*6* Ĉar ekonomia, kultura kaj aliaj agadoj en Ĉinio disvolviĝas rapide kaj vigle, ankaŭ alilandanoj venas aŭ volas veni al Ĉinio.

***3.1.3 Kunlaboro internacia kaj 4 retoj por ĉiu asocio***

Esperanto montras siajn avantaĝojn nur en aferoj translandlimoj. Tial kunlaboro inter asocioj el malsamaj landoj efikas kiel ŝlosilo por vigle disvolvigi nian movadon. Ni jam laboris por tio multajn jarojn kaj nun estas tempo funkciigi novajn projektojn praktikeblajn internacie. Eble jenaj taskoj estas unue farendaj por la kunlaboro internacie. Esperanto-asocioj havu fratajn asociojn en aliaj landoj por havi intimajn amikojn por praktikaj kunlaboroj.

La unua reto estas el propaganditaro de Esperanto. Propagandito estas persono, kiu iam kaj iel aŭdis pri Esperanto kvankam nur iomete.

La dua reto estas el amikoj de Esperanto. Ili estas personoj, kiuj mem ne uzas Esperanton sed kiuj tamen komprenas pri la celoj de Esperanto kaj nin volonte helpas en iaj manieroj. Precipe subtenoj de eminentuloj en diversaj kampoj estas gravaj por ni. Propagandito povas fariĝi amiko.

La tria estas el uzantaro de Esperanto, kiu estas trunko por praktikado de nia movado. Eble iuj el ili ne interesiĝas pri esperantismo, nevolonte sin nomas esperantistoj, kaj uzas la lingvon ĉiacele. Ni tamen ilin bone servas kaj kondukas intence per la interna ideo, kvankam ni ne postulas ke ĉiuj agu laŭ la verda standardo.

La kvara estas pinta reto el uzantoj de la lingvo kaj aktivuloj en Esperanto-movado.

Ili estas ĉiam bone organizitaj en la praktikado de projektoj por plenumi taskojn difinitajn. Do, la reto servas kiel gvidanto por nia movado.

Ĉiu estraro devas fari sian paroladon kun laboraj planoj kaj progreso pri la projektoj. Laŭ tio ni laboros kaj nin kontrolos.

*Zhang Jiping/ Jian She Jie 79, Diyuan Gezilou 213, Shijieyu Xuexiao, Changchun CN-130021, Jilin, Ĉinio*

## 3.2 "Nova Vojo por la Movado"

*John MacLeod*

### 3.2.1 Baza temo

D-ro Zamenhof elpensis la lingvon, donacis ĝin al homaro kaj petis nin uzi ĝin sen gravaj ŝanĝoj ĝis la gravaj registaroj de la mondo akceptos ĝin kiam ili rajtos ŝanĝi ĝin se necese. En lia penso ni povas trovi la novan vojon por la Esperanta movado. Li klare skizis tri periodojn en la evoluo de la movado. Unue, periodo de kreado; due, periodo de uzado; kaj trie, periodo de decido. La temo de ĉi tiu eseo estas ke nun la movado eniras la periodon de decido. En ĉi tiu periodo la celo de la movado estas prezenti nian lingvon sur la decidtabloj de la mondestroj.

### 3.2.2 Trarigardo de la historio

D-ro Zamenhof kreis la lingvon, kiam la ofte kantataj vortoj de "La Espero" estis simple kaj senmetafore veraj. "Eterne militanta", "glavo sangon soifanta" ktp estis ĉiutagaj realaĵoj. Sed iom post iom la gravaj registaroj forturnis sin de milito. Pli kaj pli rapide la popoloj de la mondo forturnis sin de naciismo. Samtempe la lingva situacio ŝanĝiĝis, ekzemple:

- La Ĉina registaro, ŝajne sukcese, simpligis ĉinajn skribajn literojn kaj normigis la Nordan Ĉinan dialekton tra tuta Ĉinio. Tio pruvas ke registaro povas sukcese direkti la lingvon de la lando.
- La registaroj de almenaŭ Turkio kaj Vjetnamio sukcese pruvis ke la skribsistemo de natura lingvo estas ŝanĝebla.
- La moderna scienco de lingvistiko estas elpensita.
- La angla lingvo, kiu per hazardo de historio, estis la lingvo de du sinsekve mondpotencaj landoj, iĝis kvazaŭ mondlingvo.

### 3.2.3 Trarigardo de la nuna situacio

Nun anstataŭ la gravaj problemoj de milito kaj pogromoj, ekzistas aliaj problemoj: lingva problemo.

Kaj, la movado? Surface en katastrofo. Perdo de registara subvencio, maljuniĝo de la

membraro kaj malkresko de la eldonaĵoj estas simptomoj de plej profundaj problemoj. Baze, la antaŭaj problemoj de milito ktp estis emociaj aferoj, kiuj instigis fortan senton de lojaleco al la movado, sed la moderna lingva problemo ŝajnas nur praktika afero kiun oni solvas per ĉiutagaj politikoj. Vere, la foriro de la plej gravaj problemoj estas mem la foriro de la plej forta varbilo.

### *3.2.4 Kie estas la nova vojo?*

Zamenhof klare antaŭvidis, ke tempo alvenus kiam respondeco por "Nia Afero" translokiĝas de ni al la registaroj de la mondo. La nova vojo estas elkora akcepto, ke tiu tempo estas nun. Dum la venontaj kelkaj jardekoj aŭ malpli la mondestroj decidos kaj la afero realiĝos. Se ne, eblos, ke la angla mallerte kaj malideale triumfos. Sube mi traktos kiel la agado de la movado devas ŝanĝiĝi surbaze de ĉi tiu nova vojo, sed unue mi volas klarigi tiujn kiujn ni devas agnoski se ni vere agnoskas ke la tempo de decido alvenas.

- Agnosku ke la konstruado de Esperantujo estas plejparte finita.
- Agnosku ke la mondo rajtas konsideri kaj eĉ elekti aliajn solvojn krom Esperanto.
- Agnosku ke la interna kulturo de Esperantujo estas tre neinteresa al la mondo krom kiel pruvo ke planita lingvo povas porti kulturon.
- Agnosku ke la moderna lingvistiko eble povas plibonigi la laboron de Zamenhof.
- Agnosku ke la nuna generacio de esperantistoj estas la lasta. La estontaj homoj eble parolos Esperanton sed ili ne estos esperantistoj kiel ni.
- Agnosku ke la solvo de la lingva problemo nepre mortigos la Esperantan movadon.

### *3.2.5 Ĉu la movado devas ĉesi?*

Zamenhof kreis la lingvon por helpi homaron. Nia movado celas solvi la lingvan problemon. Dum jaroj, en kiuj la problemo ne estos solvata, la movado devos daŭri. La jaro en kiu la problemo estas solvita, estas la jaro en kiu la movado ĉesos.

### *3.2.6 Novaj bazaj celoj*

La movado akceptu du bazajn celojn:

- Konvinku la mondon ke la lingva problemo bezonas pripensitan, registare konsentitan solvon anstataŭ nur akcepto de la hazardo de historio.
- Certigu ke la centjara sperto de la Esperanto-movado, ĝiaj sukcesoj kaj malsukcesoj, estas juste konsiderataj dum la decidado.

### *3.2.7 Konkretaj proponoj*

Rilate al la unua baza celo, UEA daŭrigu siajn penojn konstrui koalicion por prezenti la aferojn al la mondestroj. Por faciligi tian konstruadon kaj fari UEA pli akceptebla kunlaboranto al multaj aliaj organizaĵoj, UEA publike anoncu ke ĝi akceptos kaj aktive

subtenos iun ajn solvon decidotan de la Unuiĝintaj Nacioj kaj aprobotan de la plejmulto de la registaroj de la mondo, eĉ se tiu solvo ignoros Esperanton.

Rilate al la dua baza celo, UEA komisionu grupon de lingvistoj, historiistoj ktp por produkti libron priskribantan la Esperantan lingvon kaj movadon science. Tiu libro estu ne propagandema sed honesta kaj utila al homoj, kiuj devas decidi la aferon. La landaj asocioj poste traduku tiun libron en la gravajn naciajn lingvojn kaj disdonu ĝin aparte al mondestroj.

Rilate al la ĉiutagaj aferoj de Esperantujo, UEA elspezu rimedojn nur kie la celo estas realisme atingebla en nur kelkaj jaroj kaj la atingo de tiu celo vere estas utila atestilo de la taŭgeco de Esperanto kiel mondlingvo.

### 3.2.8 *Ekzemploj*

• Ekzemple en Sudorienta Azio la movado preskaŭ ne ekzistas. Oni povas opinii ke estas grave disvastigi la lingvon en tiujn regionojn por montri la kapablon de Esperanto esti tutmonda. Sed laŭ mi, tiu celo estas ne sufiĉe atingebla en la tempo havebla kaj estas plejparte forĵetenda.

• La tutmondeco de Esperanto devos esti montrata en la ekzistanta Esperantujo. Por tio, la plej grava regiono estas Nordorienta Azio - precipe Japanio, Koreio kaj Ĉinio, ĉar krom ili Esperanto floras nur en eŭropaj landoj, ekskolonioj de eŭropaj landoj aŭ landoj kie la lingvo kaj kulturo parencas al la eŭropaj. Malgraŭ la multaj bonegaj esperantistoj en Ĉinio, oni devas agnoski ke la ĉiutaga lingvo de la ĉina Esperanto-movado estas la ĉina. Certe, la mondo ne akceptus Esperanton sen esploro de la aktuala situacio de Esperantujo, kaj nuntempe tia esploro en Ĉinio estas terure nebona por Esperanto. Mi proponas ke ĈEL kun helpo de UEA komencu urĝe 5-jaran taskon esperantigi la movadon en Ĉinio eĉ se tiu statistike grande malpligrandigus la movadon en Ĉinio.

• Pri la eldonado de libroj. Jam ekzistas multe pli ol sufiĉa pruvo ke oni povas verki iajn ajn librojn Esperante. Plua eldonado estas senutila por konvinki la mondon. La bezono nun estas eldonado de nacilingvaj libroj pri la lingva problemo, planitaj lingvoj kaj Esperanto.

• Pri varbado de novaj esperantistoj. Malgraŭ la maljuneco de multaj esperantistoj, en la tempo kiu restas, estas nunaj esperantistoj, kiuj devas fari la taskojn. Ne estas realisme kredi ke nova armeo aperos por gajni la venkon. Estas pli utile desegni kursojn ktp por informi homojn pri la lingva problemo kaj planitaj lingvoj.

• Pri kongresoj. Ĉu la kutima formo de kongresoj estas utila por la epoko de decido? Pretu repensi ĉiujn aspektojn de la kongresoj.

• Pri komercado kaj alia faka uzado de Esperanto. Eble unu el la malsukcesoj de la movado estas la fakaj aferoj (krom literaturo). Mi dubas ke ni povas multe plibonigi ĉi tiun situacion sufiĉe rapide kaj mi ne dubas ke la komercaj kaj fakaj aferoj de la mondo

restas kun la angla ĝis registaraj decidoj estos faritaj.

• Pri la angla lingvo. La angla estas tiel firme radikita en la mensoj de la mondo kiel mondlingvo ke, se ni pretendus ke ni povas ignori ĝin, ni ŝajnus kiel frenezuloj. Mi proponas ke UEA publike varme bonvenigu la multajn sukcesojn de la angla lingvo en solvado de interkomprenadaj problemoj, akceptu ke la vasta kono de baza angla vortstoko, aparte teknika, tra la tuta mondo probabligas ke la angla havas rolon en la formado de mondlingvo kaj kuraĝigas la esperantistojn ne batali kontraŭ la angla sed kunlabori kun ĝi.

*3.2.9 Finaĵo*

Mia propono estas ŝanĝo en la baza pensado de Esperantujo. Mi proponas ke ni devas reveni al la Zamenhofa vizio ke la movado havas celon, taskojn kaj antaŭvideblan morton. Agnosku ke la tempo baldaŭiĝas kiam la celo estos atingita, per aŭ ne per Esperanto.

Nun dediĉu niajn penojn ne al longtempa sano de la movado, sed al la nuna solvo de la lingva problemo.

La temo de la Unua Azia Kongreso estis pri la 21a jarcento. Mia plej granda espero estas ke en tiu jarcento, la Esperanto-movado estas ne plu bezonata.

Super ĉio mi kredas ke ĉiuj homoj, esperantistoj aŭ neesperantistoj, devus ĝoji pro tio ke ili vivas en epoko kiam la homaro finfine solvos la lingvan problemon.

*John MacLeod (Ĝon Maklaŭd)/ Shanghai Holmes Chang Le College, 100 Rui Jin Yi Road, Shanghai 200020, Ĉinio*

# 4. Kontribuaĵo

## Brito en Azio

Dejvido KURTISO *(David Curtis)*

Estas mardo, la 13-a de aŭgusto 1996. Mi sidas en Hongkongo-flughaveno. Kial? Ĉar mi estas UEA-delegito (p. 131), kaj tial ricevas novaĵleteron, "Esperanto en Azio". Antaŭ 20 monatoj mi legis en ĝi, ke ĉinoj bezonas vizitojn de eksterlandanoj, por praktiki Esperanto-konversaciojn. Mi volis helpi ilin. Poste mi legis ke okazos en Ŝanhajo, de la 22-a ĝis la 25-a de aŭgusto ĉi-jare, la Unua Azia Esperanto-Kongreso. Tio decidigis min, kaj mi komencis korespondi kun ĉino, d-ro Liuo Saoĵongo, sekretario de Esperanto-Asocio de Guilino en sudokcidenta Ĉinio. Li informis min ke liaj sescent membroj tre dankus, se mi konversaciadus kun ili, antaŭ ol ĉeesti la kongreson.

Mankis al mi sufiĉe da mono por la aventuro. Mi estas 69-jara emerito, kies edzino ne ŝatas vojaĝi. Estus maljuste indulgi min el la enspezo kiun ni egale dividas. Tial mi

trovis parttempan postenon kiel intervjuisto por merkatesplora firmao; sed, timante ke mi ne povos perlabori sufiĉon, mi petis financan helpon de du kvakeraj fondusoj, kaj Eduka Fondaĵo "Carson". Tiuj afable helpis min per 50, 150 kaj 190 britaj pundoj, respektive. Tiom egalis al 12% da tiom, kiom necesis. La ceteron mi perlaboris, kaj mi ege dankas la donacintojn, ĉar tiu procento egalas al centoj da pordoj, al kiuj mi alie estus devigita frapi, por trovi homojn volontajn esti intervjuataj.

La firmao kiu dungis min fanfaronis ke ĝi demandas ĉiajn personojn pri ĉiaj temoj. Feliĉe mi ne estis tiom malbonŝanca kiom unu el miaj koleginoj. Ŝi devis demandi virojn pri kondomoj. Miaj plej embarasaj spertoj okazis kiam mi intervjuis virinojn pri raziloj. Unu el la multaj demandoj estis "Kia razilo estas la plej amora?" Ĉu iu povos diri al mi kiel razilo povas esti amora?

Tamen, nun mi atendas flugi al Guilino. Ĉirkaŭ mi babilas centoj da ĉinoj. Preter la homamaso mi povas vidi multajn anglalingvajn reklamojn. Plejgrandparte ili enhavas ĉinajn klarigojn, supozeble korektajn, sed eble ne, mi pensas, juĝante per la titolo "Fictions" (fiksonz) en librovendejo. Eĉ en tiu ĉi brita kolonio, iu ne lernis ke oni ne rajtas fidi iun regulon en la angla lingvo. Oni instruas ke per la litero "s" la pluralo de nomo estas montrata. Kiam oni bezonas nomi kategorion, estas korekte skribi "magazines, guidebooks, pictorials, novels" por "magazinoj, gvidlibroj, bildlibroj, romanoj"; sed la vorto "fiction" kiu rilatas romanojn, ne ŝanĝiĝas: kaj la singulara kaj la plurala ne havas literon "s". En la angla lingvo estas ofte subsupozitaj frazoj, kaj en tiu kazo la plena frazo estas "Tiuj ĉi libroj estas verkaĵoj de la fikcio". Kompreneble, la fikcio estas singulara nomo, sed evidente neniu informis tiun kiu pagis por la profesie produktitaj titoloj super bretoj en la librovendejo en Hongkongo-flughaveno....... La angla estas tro komplika por esti dependinda internacia lingvo, kaj mi esperas ke, kiam mi atingos Guilinon, mi ne vidos aŭ aŭdos la anglan, mian gepatran lingvon. Mi esperas dependi tute de Esperanto, kvazaŭ mi estis denove en Prago, inter redaktoroj de "El Popola Ĉinio", antaŭ nur tri semajnoj, dum la 81-a Universala Kongreso.

La malo estas okazinta. Mi estas nun en Guilino-flughaveno, kaj neniu estas renkontinta min. Mia gastigonto estas promesinta per interreto, la 31-an de julio, ke kvankam li mem ne estos hejme antaŭ la 14-a de aŭgusto, membro de lia asocio benvenigos min kaj transportos min al Gastejo por Eksterlandaj Studentoj, apud la Pedagogia Universitato de Guilino. Ĉiu alia pasaĝero estas forlasinta la flughavenon. Mi staras sola, kun mia nomo, skribita majuskle, pendanta de mia kolo. Afabla junulino, prizorgonto de vizitontaj usonaj golfludantoj, kompatinte min, estas parolinta angle al mi. Ŝi ne povas kompreni min, krom ke mi skribas la anglan – eĉ tiam ŝi bezonas desegnojn, kaj mi ne estas bona desegnanto. Iel mi komprenigas ŝin, kaj ŝi mendas taksion, informas ĝian ŝoforon, kiu veturigas min 18 kilometrojn al la gastejo. La savinto ŝercnomas sin "Sisi". Dankon al Dio por "Sisi" (pinjine: Duan Linx).

Ĉe la gastejo neniu povas kompreni min, sed per gestoj akiras ĉambron. Estas varmege, kaj jam la 10-a kaj 30 vespere. Mankas al mi instrukcioj por klimatizi la ĉambron. Mi vidas sur tablo du objektojn tre similajn al pecoj de ĉokolado senditaj lastatempe al miaj klubanoj en Britujo, de rusaj samideanoj en Krasnojarsko. Mi kredas ke estas ĉina kutimo, tiel bonvenigi gastojn. Mi estas avertita ke oni devas trinki nur boligitan akvon en Ĉinio, tial mi enlitiĝas trinkinte nenion. Horojn poste, mi vekiĝas. La buŝo estas ege seka. Kion fari? Solvo estas dolĉigi la langon per ĉokolado. Mi ekmanĝas pecon, sed tuj elkraĉas ĝin. Ĝi estas sapo! Kredante ke mi ne povas riski akvon, mi suferas gustaĉon dum horoj, kaj dormas malbone. Sekvantmatene, mi legas sur la papera kovrilo de la sapo, sub ĉinaj vortoj, anglajn vortojn: Beauty Soap (bjuti soŭp: sapo por beligi vin)! Rakontinte tion en la nuna tempo, mi ŝanĝos al la pasinta tempo, ĉar tio estos pli taŭga.....

Matenmanĝinte en la restoracio de la gastejo, mi ne sciis kion fari, ĉar neniu povis paroli Esperanton, krom miaj samideanoj kiuj ne estis aperintaj. Kia ĝojo kiam fine d-ro Liuo Saoĵongo alvenis kune kun du samideanoj! Kiom varme ili bonvenigis min, kaj kiel klare evidentiĝis ke du el ili estis tiuj kiuj volis renkonti min. Iu ĉe la flughaveno estis misinforminta ilin pri la elirejo de pasaĝeroj de mia aviadilo. Ili estis atendintaj longe, sed en malĝusta loko. Konvinkite ke mi decidis veni samtempe kiel d-ro Saoĵongo, la 14-an, ili estis reirintaj hejmen per aŭto mendita de membroj de la Esperanto-Asocio. Ili ja faris sian maksimumon por plaĉi al mi. Do, ĉio en ordo!

Liuo certigis ke mi estis komforta. Li kaj la estraro de Esperanto-Asocio de Guilino bone manĝigis min en la restoracio de la gastejo. Por la unua fojo mi uzis manĝbastonetojn, kaj feliĉe glutis kompletajn fiŝetojn kun supo. Poste la samideanoj kaj mi kunveniĝis en mia ĉambro. Ni ridis kune, trinkante bieron aŭ enboteligitan akvon.

La 15-an mi instruis mian unuan ĉinon, s-ro Jango. Li mem instruadis pri la angla studentkuracistojn; sed mi parolis al li nur en Esperanto. Posttagmeze, li, Liuo kaj mi rondiris la urbon piede kaj aŭtobuse. Ni grimpis pli ol 360 ŝtupojn por atingi la pinton de kalkŝtona monto, kiu staris kiel turo en la urbo mem, flanke de larĝa rivero, Li Ĝuang. de tie la vidindaĵo estis por mi neforgesebla, ĉar mi vidis multajn eksterordinarajn montojn, en la formo de ŝarkodentoj. Ili estas monde famaj, kaj estis inde veturi de Britio por vidi nur ilin.

Mi pasigis mian duan matenon en Guiliono instruante pri Esperanto tri tre inteligentajn homojn. Poste s-ro (pinjine) Zhong Guo Si, direktoro de Fremdaj Aferoj Guansi Pedagogia Universitato, afable donacis al mi bonegan tagmanĝon. Malgraŭ ke li estis studinta la anglan dum du jaroj ĉe Universtato de Warwick en Anglio, li subtenis Esperanton. Mi estis la unua brita Esperanto-parolanto en Guilino, kaj honora gasto. Dum la posttagmezo, s-ro Jango, unu el miaj studentoj, akompanis min grimpante eĉ pli altan monton en tiu eksterordinara urbego. Mi preskaŭ fandiĝis pro la varmega vetero kaj tre ĝuis la komforton de mia klimatizita ĉambro.

Mia tria tago en Guilino estis unu el la plej bonaj en mia vivo. Liuo, liaj familio kaj kvar geamikoj ekskursis kun mi per boato 29 kilometrojn suden de Guilino al Krona Kaverno. Tiu estas giganta serio da grotoj kun subtera rivero, 12 kilometrojn longa. Ni ne nur tramarŝis ĝin sed boate kaj trajne veturis, ĉirkaŭataj de belege lumigataj rokoj, stalagmitoj kaj stalaktitoj. Ni estis subtere dum horoj, ĝuante elstarajn vidindaĵojn. Ekstere, kompreneble, irante kaj revenante, mi admiregis la strangegajn montojn tra kiuj fluis la larĝa, malhelverda rivero. Kvankam ke pluvegis post kiam mi forlasis la riveron, ni feliĉe finis la tagon en Guilina restoracio, kie mi denove gustumis pli ol dekon da ĉinaj pladoj, sed ĉi-foje en intima familia etoso. Kia tago!

La sekvintan tagon mi havis gravan taskon: popularigi Esperanton inter cent ĉinoj en la nomo de Guilina Esperanto-Asocio. Per taksio miaj amikoj transportis min al Palaco de Kulturo, kie dimanĉe kunveniĝas multaj grupoj. En ĉambrego longa standardo bonvenigis enirantojn per la vortoj: Sunday English Corner (Dimanĉa Angla Angulo - sandej angliŝ kona). La aŭdantaro sufiĉe bone konis la anglan, kaj estis invitinta min prelegi pri la angla kulturo kaj Esperanto. Pri la unua temego mi mallonge informis miajn aŭskultantojn, dirante iom pri la brita movado por konservi histoririĉajn konstruaĵojn kaj belegajn kamparopartojn; sed pri Esperanto mi prelegis dum horo. Ne estis mikrofono, do mi devis laŭtege paroli. Alta, digna profesoro dufoje alportis al mi teon por malsekigi ian gorĝon. Li estis profesoro Liuo Jukueno, dekano de Laborista Universitato de Guilino. Post mia prelego, li dankis kaj gratulis min, opiniante ke mi persvadis almenaŭ 80 aŭskultintojn ke ili aliĝu al venonta Esperanto-kurso en septembro. Multaj homoj urĝe demandis pri aspektoj de la temo kiujn mi ne povis kovri dum nur horo, do la afero daŭris dum plua duonhoro. Mi estis tre kontentigata ke mi ja vekis grandan intereson; sed mi timis ke neniu povos daŭrigi tion, ĉar mia amiko, Liuo, estos studanta dum la sekvonta jaro en fora universitato. Mi ne sciis ĉu iu alia ano de la loka asocio kapablos paroli Esperanton sufiĉe bone por gvidi la planitan kurson. Liu asertis jese, ĉar oni laŭtlegos de "Unuapaŝa Esperanto". Tiu lernolibro, originale verkita de du britoj, Markarian kaj Sullivan, estis studata de mi en 1974. La lasta estis mortinta en 1933, sed mi ĝoje skribis al Rejfo Markariano sur bildkarton pri Guilino, por informi lin ke mia amiko, la ĝenerala sekretario de Guilina Esperanto-Asocio, posedis du mil ekzemplerojn de ĉina versio de tiu bonega libro. La enkondukajn paĝojn mi kompreneble ne povis legi, ĉar ili estis kovritaj de ĉinaj skribsignoj, sed mi tuj rekonis la unuan ĉapitron, ĉar ĝi enhavis la unuan Esperanto-rakonton kiun mi iam legis.

La plano ellaborita de longe per korespondado inter Liuo kaj mi bedaŭrinde ne plenumiĝis. Estis mia kulpo, ĉar unue mi planis viziti en novembro, kaj, kiam mi ŝanĝis mian decidon por viziti en aŭgusto, nek Liuo nek mi konstatis ke en tiu monato multaj membroj de lia asocio estos for. Rezulte, nur du homoj povis lerni de mi regule: s-ro Jango kaj s-ino Kaio mao lano. Mi instruis s-ron Jango, kiel jam dirite, la 15-an. La

sekvintan tagon mi instruis la du kune.

La 17-an ne estis eble instrui pro la tuttaga ekskurso; la 18-an okazis la prelego; tamen la 19-an s-ino Kaio lernis tre bone en la mateno, laŭtlegante kaj diskutante artikolon el la junia eldono de "El Popola Ĉinio", kaj s-ro Jango tre bone studis dum la posttagmezo. Pluse, neplumebla parto en nia plano estis ke neniu povis akompani min al la Unua Azia Esperanto-Kongreso. La patro de Liuo bezonis lian helpon pro malsano, kaj la edzino de s-ro Jango, naskonte, ne povis esti forlasata; s-ino Kaio pro ia kialo ne povis iri. Neniu povis solvi tiujn problemojn, do mi devis iri sola al Ŝanhajo. Tamen Liuo, dum tre agrabla manĝo ĉe la familia domo, proponis ligon inter Guilino kaj mia urbo, Ŭestonsupermaro (Weston-super-Mare), certe interkluban, kaj eble pro oficiala konsento inter la du koncernotaj urbestroj. Tion mi promesis aranĝi.

Mi pasigis mian lastan tutan tagon en Guilino akompanate de mia studentino, ĉar mia studento devis prizorgi sian gravedan edzinon. Mi atendis instrui unue kaj poste rondiri, sed s-ino Kaio konsciigis min ke estos pli komforte rondiri frumatene, pro la relativa malvarmeco. Tial ŝi kaj mi vizitis Kavernon de Sep Lunoj ene de tureca monto centre de la urbego. Kvankam ne tiom longa kiom la fora Krona Kaverno antaŭe vizitita, ĝi estas almenaŭ kvindekoble pli grandioza ol la plej bela kaverno en mia lando, Britujo. Poste mi intencis instrui pri Esperanto, sed pli urĝe estis aĉeti aviadilo-bileton. Tio ŝajnis simpla tasko, sed vere okupis nin tre longe, ĉar nek la aerolinia oficisto, nek oficistoj ĉe pluraj niveloj de Ĉina Nacia Banko povis akcepti mian Vizao-karton. Irinte de ĉiu loko post la alia, ni trovis ke la ĝusta oficejo ĵus fermiĝis, kaj ne malfermiĝos antaŭ la 3-a posttagmeze; do, ni devis iel pasigi tri horojn en la urbo, manĝante kaj parolante angle, anstataŭ studante Esperanton. Mia kunulino profesie instruis instruontojn pri la angla, kaj ne kapablis flue paroli Esperanton.

La 21-an mi instruis ŝin por la lasta fojo, kaj ŝi, s-ro Jango, Liuo, lia amiko s-ro Sjejo kaj mi kune tagmanĝis. Ĉe Guilina flughaveno mi adiaŭis, malĝoje, miajn karajn Esperanto-geamikojn, kaj denove trovis min nekapabla komuniki kun iu, pro la lingvobarilo. ***(daŭrigota)***

*Dejvido KURTISO (David Curtis) / 7 St. Jede's Terrace, Weston-super-Mare, Somerset, BS22 8HB, Britujo*

***Redakta rimarko: (el la letero de la verkinto)*** Bonvolu akcepti tion ĉi kiel kontribuaĵon al via eldonaĵo. Se vi aperigos ĝin, sendu al mi ekzempleron, mi petas, ĉar mi devas pruvi al Fondaĵo Carson, ke mi sukcesis aperigi ĝin en Esperanta eldonaĵo. Tio estis kondiĉo de la kontrakto kiun mi subskribis.

## 5. *Informo*

## 5.1 *Turismo en Tanzanio*

Mi bonvenigas demandojn aŭ petojn de individuaj aŭ grupaj vizitantoj, turistoj, vojaĝantoj kaj turismaj entreprenoj aŭ firmoj tra la mondo, kiuj volas turismi en Tanzanio. Mi helpas vizitantojn solvi kaj trovi diversajn aferojn. Por informpeto sendu 2 irk (internacia respond-kupono).

*Sylivester N. Nyinyimbe/ P.O. Box 147, Bunda, Tanzanio*

## 5.2 *"Riveroj"*

**La interkultura revuo el Oosaka, Japanio**
**kun ĉiam kreskantaj kontribuantoj el aziaj landoj...**

En n-ro 20 de EeA vi certe legis pri la revuo "Riveroj", kiu dume aperadas akurate en ĉiu sezono kun 48 paĝoj, iom pliampleksigite. Pliampleksigitaj estas ne nur ĝia paĝnombro, sed ankaŭ nombro de la kontribuantoj. Oni legas verkojn ne nur el Japanio kaj Ĉinio kiel en plifruaj numeroj, sed ankaŭ el Mongolio, Vjentamio, Nepalo, Irano kaj Uzbekio. Variaj estas ne nur naciecoj de la verkantoj, sed ankaŭ verkitaj temoj. Jam n-ro 14 estis eldonita en la lasta novembro kun miriga bildrakonto el Okinawa.

Kiam viaj leteramikoj proponas al vi ian donacon el Japanio, prefere ne hezitu demandi pri la ebleco de ĝia donac-abono al vi.

Petu provnumeron de la eldonejo, sendante 2 irk. (tamen sufiĉas 1 irk. el landoj, kie oni havas ekonomian malfacilon):

*"RIVEROJ", ĉe YOSIKAWA Syôiti/ Oosaka-si, Tyûô-ku, Morinomiyatyûô 1-9-18-403*
*JP-540 Japanio*

## 5.3 *Nova kasedo de Gafur Mirzabajev el Uzbekio*

Gafur Mirzabajev el Uzbekio, kiu estas profesia aktoro kaj kantisto, kaj kiu partoprenis en la unua azia karavano en 1994, eldonis kasedon kun Esperantaj kantoj: "Kavaliro" de Juliusz Kriss, "La Konstanta koro" de Reto Rossetti, "Nur migri, ĉiam migri, migri for" , "Stranga danco" de Julio Baghy, "Benita vojaĝo" de Ivan Ŝivarov, "Ebrio" de William Auld, "Amika rondo" de ?. Kun li kantas ankaŭ liaj familianoj (edzino kaj gefiloj).

*Gafur Mirzabajev/ ul. Klara Cetkin, d. 6, kv. 50, Taŝkent, 700060 Uzbekio. tel. +7-3712-548474*

# 6. *Okazos*

## 6.1 *Eŭropo-Azio '97*

tempo: 1997-08-09~17

loko: Jekaterinburg (Rusio)

kotizo:

| | A (rubloj) | B(USD) | C(USD) |
|---|---|---|---|
| ~96-12-31 | 100.000 | 30 | 50 |
| ~97-06-30 | 150.000 | 40 | 60 |
| surloke | 200.000 | 50 | 70 |

A. Loĝantoj de Ruslando kaj de aliaj landoj de KSŜ

B. Aliĝintoj al la karavano de Monda Turismo

C. Ordinara kotizo

***Rimarkoj:***

1. Samfamilianoj kaj junuloj sub 26 jaroj pagas nur 50%. Infanoj sub 16 jaroj aliĝas senpage.
2. La kotizo ne inkluzivas loĝadon, manĝadon, eksterurbajn ekskursojn kaj aliajn.
3. La aliĝkotizo ne estas repagebla, sed jes transdonebla al alia persono konforme al ties aĝo kaj kategorio.
4. Loĝantoj ekster KSŜ sendu la kotizojn al uea-konto (ueso-z)
5. Detalojn petu de:

*Organiza Komitato de Eŭropo-Azio '97/ RU-620077, Jekaterinburg-77, p.k. 67, Ruslando. tel. +7-3432-224501 235785*

# 8. *Ricevita gazeto*

## *8.1 "Verda Stelo"*

La organo de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio; n-ro 1 (1996-10); B-5; 6-paĝa; nur Esperanta; eldonas Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, P. O. Kesto 778, CN-110034, Shenyang, Ĉinio

Enhavo: Estraro de LEA; Ni rehavas novan komencon; Speciala raporto pri la 6a Liaoning-provinca Kongreso en aŭguso; Novaĵoj el Liaoning lokoj; Internaciaj novaĵoj; Turisma kampo; Komerca kruco; Ĉina medicino

# 9. *aldona raporto pri la Azia Kongreso*

## *(laŭ raportoj el "El Popola Ĉinio, 1996-12")*

### *9.1 "Medicinistoj" (UMEA, INA) (08-22, 14:00-15:00)*

Inter la kongresanoj estis nemalmultaj medicinistoj, kiuj okazigis simpozion

posttagmeze de la 22a en la salono Verda Majo. La kunveno ricevis 20 disertaĵojn. La simpozia temo estis "Tradicia orienta medicino". En la simpozio prelegis ĉina, hinda kaj korea samideanoj. Ĉar ankaŭ multaj deziris fari paroladon, la difinitaj horoj ne sufiĉis kaj oni daŭrigis la diskuton en la vespero.

*(Cui Zhiqin )*

### 9.2 *"Junulara Movado en Azio" (08-23, 15:45-17:15)*

El la kongresanoj estis multaj gejunuloj. Posttagmeze de la 23a okazis en la salono Lusin kunsido pri junulara movado en Azio. S-ino Shi Xueqin el Ĉinio konigis, ke ŝi instruis Esperanton al elementlernejanoj. Vicprofesoro Cui Jianhua proponis intensigi la laboron por konduki aziajn gejunulojn al la esperantistaro, ĉar ili estas nova forto, estonteco kaj espero de nia movado. Japana samideano konigis la junularan movadon en sia lando. Pakistanaj samideanoj esperis, ke junaj esperantistoj de ĉiuj aziaj landoj pli intime kunlaboros kaj faros interŝanĝon inter si.

*(Wang Jianbing)*

### 9.3 *"Fervojistoj (08-24, 15:45-17:15)*

Estis tre viglaj esperantistaj fervojistoj en la kongreso. Posttagmeze de la 24a, ĉinaj, japanaj kaj germanaj fervojistoj kunsidis, parolis kaj diskutis pri sialandaj fervojaj statoj kaj fervojista E-movado. S-ro Lee Chong-Yeong, prezidanto de UEA, skribis por la kunsido: "Same kiel Esperanto fervojo estas ligilo de popoloj. En tiu senco internaciaj fervojistoj povas kontribui multe por la disvastigo de nia lingvo kaj ĝia ideo"

*(Han Zuwu)*

## 10. Kontribuoj

Post la raporto en n-ro 25 ni ricevis de jenaj 11 personoj sume 27,000 enojn:

GOTOO Hitoŝi, HAJAŜI Ken, HATAJAMA Nisaburoo, HUJITA Takeo, INUMARU Fumio, ITABAŜI Micuko, ITAGAKI Akiko, MACUOKA Cujoŝi, MIJAMOTO Seiko, NIŜIKAŬA Tojozoo, SAIKI Masajuki.

Aparte ni ricevis ankaŭ 200,000 enojn de s-ino Anonima. Koran dankon!

**Vian kontribuon al Projektoj por Azia Movado ni elkore atendas.**

•***Parolas la redaktantoj:*** En la komenco de la nova jaro ni sendas al vi la lastan numeron de 1996-a pro nia troa okupiteco. Tiel skribinte mi rimarkis, ke la esprimo "la nova jaro" ne ĉiam estas konvena por ĉiu azia Esperantisto./ Raporto pri la kunsido "Papero kaj Kapsiko" en la Azia Kongreso aperos en la venonta numero pro nia malatentemo. Pardonon! *(DOJ Ĉ.kaj H.)*